

# PENSEO

*N-ro 160*

*feb./2005*

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 16-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm

## Mikronovelo

# Enamiĝo de Lupo

**Liu Wanli**

Mi estas bonkora lupo.

Ekde kiam mi ekhavis komprenkapablon, mi eksciis pri la fifamo de lupoj kaj pri la ĉiama singardemo de homaro al lupoj. Por ŝanĝi ties malbonan situacion, mi decidis unue ŝanĝi mi mem.

Mi neniam vundis nek mortigis malfortajn kaj malgrandajn animalojn, tamen neniu animalo volis amikiĝi kun mi, tiel ke mi sentis min izola kaj soleca. Ĝis kiam tiu leporo aperis, mia vivo tuj ekbrilis, plena je sunlumo.

Tiun tagon, kiam mi sola serĉis manĝaĵon, mi trovis, en herbaro, leporon kun neĝe blanka hararo. Mi, tiam en komenca sentemo de amo, estis frapita kvazaŭ de elektro. Ĉu tia sento estas la amsento je la unua vido kiel priskribita en libro? Mi iris al ŝi. Ŝi tremis trakorpe kun panika timo en siaj okuloj, preta por lukti kontraŭ mi.

Mi diris, ke mi ne vundos vin. Sed ŝi ankoraŭ tremis kun okuloj plenaj je sangaj strioj.

Okazis, ke, vundita, ŝia kruro sangas. Mi alproksimiĝis. Kaj ŝi malfacile stariĝis kaj volis forkuri, sed ŝi falis surteren tuj post kelkaj paŝoj. Kredu min, mi diris, mi ne vundos vin. Ŝi direktis sian dubeman rigardon al mi. Mi helpe starigis ŝin kaj bandaĝis ŝian vunditan kruron.

Mi demandis, kie ŝia hejmo lokiĝas, kaj mi volis eskorti ŝin al ŝia hejmo.

La timego en ŝiaj okuloj tuj malaperis. Ŝi diris tre amikece, ke ŝia hejmo troviĝas en Lepora Rokego.



Trapasinte montojn kaj montojn, mi helpe subtenis ŝin ĝis ŝia hejmo, kaj mi returnis sola.

Ekde tiam mi kaj ŝi fariĝis amikoj.

Tagon post tago ambaŭ la amikeco kaj amo inter ni pliiĝis freneze. Mi eĉ maltrankviliĝis se mi ne vidis ŝin nur por unu tago. Mi decidis malkaŝi mian korinklinon al ŝi.

Je sunplena posttagmezo, kun fasko da sovaĝaj floroj, kiujn mi kolektis, mi surgenuiĝis antaŭ ŝi kiel homoj faris la samon, dirante, "Mi amas vin. Edziniĝu al mi!"

Kun larmplenaj okuloj, ŝi kapjesis feliĉe.

Post hejmreveno, mi informis miajn gepatrojn pri nia geedziĝo. Tion ili forte kontraŭis: kiel eblas la geedziĝo inter lupo kaj leporo?

Mi respondis, "Mi amas ŝin."

La patro replikis, "Ĉu vi scias, kio estas amo? De kelkaj mil jaroj leporoj estas niaj ĝismortaj malamikoj. Ni devas neniigi ilin ĉiujn."

Mi diris, "Avideco, maliceco kaj krueleco ĉiam okupas vian koron, ĉu restas io bonkora, bonfarema kaj amikeca en via konduto? Ne estas mirinde, ke ni lupoj havas fifamon. Jen estas vi fiuloj ruinigis nian reputacion."

La patro kolere kontraŭdiris, "Se vi insistas edzinigi ŝin, mi malakceptos vin kiel mian filon. Vi ne estos permesata plu iri en nian hejmon por eterne. For!"

“Do mi foriru!” mi respondis.

Mi iris al la hejmo de la leporo. La pordo estis riglita. Mi frapis je la pordo, vokante ŝin. Ŝi plore respondis. Mi demandis, kial ŝi ploras. Ŝi respondis, ke ŝia patrino oponas nian kuniĝon kaj ne perrmesas al ŝi eliri post la riglita pordo. Ankaŭ mi rakontis pri la malaprobo de mia patro. Aŭdinte tion, ŝi ploris pli dolore. Mi proponis, “Ni simple forfuĝu por nia pura amo!”

Post kelka pripensado, ŝi konsentis. Rompinte la pordon, mi tiris ŝin je la mano kaj forlasis Leporan Rokegon.

Antaŭ ol ni foriri disde niaj hejmoj, mi decidis hejmiri por diri ĝisrevidon al miaj gepatroj, ĉar ili, malgraŭ ĉio, donis al mi favoron de naskigo kaj vartado.

Surgenuiĝante antaŭ miaj gepatroj, mi petis ilin pardoni min pro mia mallojaleco kaj esperis, ke ili sin zorgu post mia foriro.

La patro insultadis pro kolerego, ke mi estas malkonfidindulo kaj perfidulo. Kaj li malpermesis al mi hejmenreiri. Li levis pecon da ŝtono por frapi al mi, kaj mia patrino baris al li, petante, ke mi forkuru tuj.

Tirante la leporon, mi forkuris kontraŭ la subiranta suno, kun larmoj en la okuloj. Mi malamis ilin pro iliaj obstineco kaj kruelco. Mi volis pruvi, ke mi ne estos perfidulo kaj malkonfidindulo, ĝis kiam mi fariĝos kapablulo estontece.

Mi kaj la leporo fine konstruis novan hejmon en kavo. Ĉiutage ni kune eliris por serĉi manĝaĵon, petole ludi, kapti papiliojn... Nia vivo sin montris bona kaj feliĉa.

Iutage, la leporo malsaniĝis. Mi eliris sola por kolekti herbdrogojn por ŝi. Je sunsubiro, mi jam kolektis plenkorbon da herbdrogoj. Kiam mi revenis dekkelkajn metrojn fore de la hejmo, mi ĝoje vokis ŝian nomon. En la kavo mi ne trovis la leporon, sed mian patron anstataŭe, kiu manĝis ion kun gusto.

Mi demandis, “Kie estas la leporo?”

Senparolaj, miaj gepatroj daŭre manĝis, donante nenian atenton al mi. Vidinte sangmakulojn sur la tero, mi tuj komprenis, ke ili mortigis kaj formanĝis ŝin. Indigno tuj plenigis mian tutan korpon. Mi alkuris kaj kaptis mian patron je la kolo, dirante, “Kiel vi...” Mi ne povis eligi aliajn vortojn pro kolerego.

La patro respondis, “Mi ne volas perdi mian filon, kaj krome, tiel delikata leporo allogas ĉies apetiton.”

Miaj manoj kunteniĝis pli kaj pli firme, kaj miaj fingroj eniĝis en la karnon de mia patro. La vizaĝo de la patro deformiĝis kaj liaj okulgloboj iom post iom senmoviĝis. Mi eĉ strangolis mian patron.

Vidante la kadavron de mia patro, mi sentis nenian pentemon, sed malamon anstataŭe en mia koro. Rigardante la subirantan sunon, mi ekhurlis raŭke, kiu timige ŝvebis tra la valo. Mi decidis malsupreniri la monton. Mi sciis, ke ekde nun mi fariĝos vera lupo.



elĉinigis Vejdo

## Ai Qing (1910-1996)

# Mi Ĉi Teron Amas

Se mi estus birdo,
mi devus kanti per la raŭka voĉo
pri ĉi ter’ trafita de pluvŝtormo,
pri l’ river’ torenta kun indigno trista nia,
pri la iritita vent’ senĉese muĝblovanta
kaj pri la aŭroro milda elvenanta el arbaro...
— Poste mi formortus,
eĉ putriĝus miaj plumoj en la teron.

Kial ofte larmoj brilas en okuloj miaj?

Ĉar ĉi teron mi amas tre profunde...

## Respondoj de Karbo

Kie loĝas vi?

Loĝas mi en montoj dekmil-jaraj
Loĝas mi en rokoj de dekmil-jaraj

Via aĝ'?
Estas mi pli aĝa ol la montoj
Estas mi pli aĝa ol la rokoj

Kiam eksilentis vi?

De la tempo, kiam dinosaŭroj regis la arbarojn
De la tempo, kiam la terkrust' ektremis la
unuan fojon

Ĉu vi mortis en indign' profunda jam?

Morti? Ne, ne, mi ankoraŭ vivas —
Donu al mi fajron! Donu al mi fajron!



elĉinigis Peto

**Cai Tianxin** (1963—)

## La Nura Amo

la nura amo vivas en interno mia
ŝi portas superveston sangan
laŭ korpkanaloj ŝia penso kreskas

la nura am' ekzistas inter vortoj
jen kiel blankaj plumoj ŝia voĉo
flirtadas en dormado de ĉielo blua

la nura amo sin ekspozas en sunlumo
briladas ŝi en ladbotelo
— de multaj jaroj formanĝita de mi

tradukis **Yang Fang**

## Pli Fore

pli fore
ni vidos
homogrupon kiel sablo-grajnojn
amasigitajn kune
similajn unu al l' alia

pli fore
ni vidos
domvicojn kiel konkojn
kuŝantajn aŭ dorse aŭ ventre
neklare difinitajn

pli fore
ni vidos
ke urboj falas
loĝantoj disen fuĝas
por sin paki en troŝarĝitan rapidvagonaron

pli fore



tradukis **Yang Fang**

## Verda Sango

de norde mi revenis en profunda nokto
endomiĝinte, kiam fermis mi la pordon
mi trovis arb-foliojn sub ŝtuparo

falintajn el platano
blov-renversita de uragano
l' arbkorp' jam fortiritis
mi ŝajnis vidi flakon sangan
stagnantan sur la tero
en mia rememor' gepatroj miaj amis
sin refreŝigi kaj ripozi sub la arbo
pri siaj nepoj babilante
ankoraŭ rememoras mi, ke ili
ĝueme senŝeligas melonsemojn brunajn
okazis tio en somer' lastjara
ĉi-jare, tamen, mi ne scias
kiele ili ja pasigos la someron

tradukis **Yang Fang**

# Sonĝ' pri Mi mem

**Chen Yu**

mi sonĝis pri mi mem
kiel alitriban' kun mask'
maldika gaze algluita survizaĝe
mi antaŭ la spegulo deprenas
tavolon post tavol'
sed mi ne povas identigi
kiu tavolo estas mi mem
mi sonĝis pri mi mem sed konis ne
identecon mian, foj-refoje mi elkuris
jen ĝuste tiam
mi vidas min prezenti teatraĵon, sensukcese
divenas kiu el mi tion fari, dum en la ludado
tavolon ĉiun mian spronas via lumo
sekrete kreski al vi
ensonĝe mia kap' komencas al vi
flankiĝi forte

en suferiga longlonga tenebr'
komencas mi min emancipi
revolucian kanton kantas mi
jen volas mi konstrui landon en la korp'
moralon la alienitan de ekzisto krei
demokratio mia kopiiĝas laŭ l' feliĉo de
alienitaj triboj
do, kiaj anormalaj vermoj, papilioj aŭ
serpentoj
mi estas limigita en sezonoj difinitaj
pupiĝi, senŝeliĝi kaj
mistere transformiĝi, bele flirti

penado en mallumo malebligas al mi
simila al reĝin' en ŝia propra land' sidanta
mi male pli similas jen al sorĉistino
mi tamen povas pentri per la mano
detale paŭsi min mem al vi
mi antaŭ la spegul' kaj blank'
tuj ekscitita de pasi' revolucia
imagas al mi l' deziratan fizionomion
kaj la kapablon memfanfaronan, sed
forgesas, antaŭ mia maturiĝ',
kreskigi al mi mano-paron, kaj
tuj antaŭ mia ekparolad'
fabriki al mi unu buŝon
mi kun rigida korp'
rigardas vin ensonĝe
senmove kaj senparole

elĉinigis Hongjia

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊